**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

Dirección y administración
Carreras Candi, 34 – 36
08028 BARCELONA

REDACTOR JEFE
Giordano Moya Escayola
Balmes, 38. Tel. (93) 7881839
08225 TERRASSA (BARCELONA)

COMITE DE REDACCION
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Antonio Marco Botella

Jarabono . . . . . . . . . . . . 1700 p-toj

**ENHAVO**

La kovrilo: Esperanto - Grupo Moià festis sian 36an datrevenon

**Paĝo**



Depósito Legal: VA. 616 – 1978
G.E.T.

UTILAJ ADRESOJ

Hispana Esperanto-Federacio
Carreras Candi, 34-36
Tel. (93) 240 26 62
08028 BARCELONA

PREZIDANTO. Salvador Aragay

VICPREZIDANTO. Luis María Hernández

SEKRETARIO. Víctor Ruiz

VICSEKRETARIO. Josep Miranda

KASISTO.

Pagojn sendu al
Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros. Libreta núm. 2.303-26
Agencia Riera Blanca, 436
08028 BARCELONA

JUNULARA SEKCIO (H.E.J.S.)
Jordi Ferré
Apartado 23484
E-08028 – BARCELONO

FERVOJISTA SEKCIO (H.E.F.A.)
Ronda S. Antonio 46-50, 2° 4°
08001 BARCELONA

TURISMA SEKCIO KAJ ELDONA FAKO kaj "FUNDACION ESPERANTO"
Inés Gastón
P° de la Constitución 35, 4°
5001 ZARAGOZA

LIBRO–SERVO
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID
Pagojn por LIBRO–SERVO
Cuenta Postal 3.118.078 VALLADOLID

ĈEFDELEGITO DE U.E.A. EN HISPANUJO
Juan Azcuenaga Vierna
Gral. Dávila 127, portal 7, 2° izda.
Tel. (942) 33 94 87
Cuenta Postal 03548531
39007 SANTANDER

OFICEJO
Rodríguez San Pedro, 13, 3° P-7
28015 MADRID

INFORMA OFICEJO
Vakas

## 49a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO
## 19a – 23a Julio 1989
## BILBAO

**KONVENA PROGRAMA ŜANĜO.**– Post la aperigo de nia provizora programo en BOLETIN de H.E.F., alvenis ĉe ni kelkaj sugestoj pri la pli bona profito de la lastaj semajntagoj (sabato kaj dimanĉo) por okazigi dum ili la ĉefajn laborojn de la Kongreso, ĉar, laŭ tiuj opinioj, oni bezonas la plej grandan nombron da ĉeestantoj por efike enkonduki sukcese la novan etapon de nia Federacio kaj la ĝeneralan disvastigon de Esperanto en la hispana Ŝtato.

Kvankam ni komprenas ke tiuj ŝanĝoj ĝenas al ĉiuj, kaj ĉefe al la Organiza Komitato, ni akceptis tiujn sugestojn, en akordo kun la prezidanto de H.E.F., kaj la 49a Kongreso ekmarŝos la 19an (merkredo) matene kun gravaj eventoj (Solena malfermo) kaj (Urbestra akcepto) kaj finos la 23an (dimanĉo) kiel ekskursa tago, kun malgrandaj ŝanĝoj de kelkaj programeroj.

Por tiuj laboremuloj (ni dankas ilin) kiuj preferus ne ekskursi estos eble co kunveni en la Grupo Esperantista ekde la 11a ĝis la 18a horoj, kie difinitaj grupoj, post peto al la Organiza Komitato, povos labori pri temoj, kiuj estos anoncitaj de la L.K.K. dum la Kongreso mem. Je ilia dispono estos 3 malsamaj ĉambroj.

**ALVENO.**– Tiuj gekongresanoj kiuj alvenos antaŭ la merkredo bonvolu informi al nia Grupo.– Barrenkale Barrena, 7.– Telefono (94) 416 44 92 (je la 8a ĝis la 9a vespere) kaj ni atendos ilin ĉe la alveno de ilia vojaĝo.

**LOĜEJOJ.**– Ni atendas respondon pri prezoj en la Studenta Restadejo "Miguel de Unamuno kaj Jugo" (4 minutoj piede de la Kongresejo), apartenanta al la Oficiala Vasklanda Universitato, ege komforta, kun ĉambroj dulitaj kaj ankaŭ individuaj, ĉiuj kun kompleta banĉambro.

La alia Studenta Restadejo "Colegio Mayor Deusto" apartenanta al la fama privata Universitato de Deŭsto (10 minutoj piede de la Kongresejo) havas nur individuaj ĉambroj. La provizoraj prezoj estas: Dormi kaj matenmanĝi: 2.500 ptoj/persone, kaj dormi kaj tri manĝoj: 3.000 ptoj/persone. Ni atentigas la gekongresanojn ke, laŭ la programo, dum kelkaj tagoj ili ne bezonos tagmanĝi en la Restadejo aŭ hotelo.

Ni atendas ankaŭ la novajn prezojn pri la restado en hoteloj, kaj tuj ni informos ĉefe al la jam aliĝintaj gekongresanoj.

**STAMPILO.**– Ni faris demarŝojn por atingi la koncernan permeson por starigi dum la Kongreso Poŝtan Oficejon por sigeli poŝtkartojn, kovertojn, k.t.p. per Kongresa stampilo. Ni atendas respondon al nia peto.

## GALEGA ESPERANTO–ASOCIO

KANDIDATOJ POR LA NOVA HEF–ESTRARO

La pasintan 11an de marto okazis en la sidejo de Madrida Esperanto-Liceo la dua kunveno de dudeko da HEF-anoj interesiĝantaj i.a. pri renovigo de HEF-estraro en la kadro de la Kongreso de Bilbao. (Noton pri la unua tia kunveno vidu sur paĝo 16a de "Boletin", n. 288).

Post multhora trastudo kaj debato oni tie venis al konsento pri kandidataro prezidata de nia samideano Antono Alonso Núñez, en kunlaboro kun Manuel López Hernández, Alberto Franco Ramírez, Luis Gilpérez kaj pluraj aliaj.

Oni ankaŭ decidis, ke tiu kandidataro prezentu en Bilbao ampleksan kaj sisteman laborplanon por la periodo 1989–1993, surbaze kaj de la propraj ideoj kaj de la multegaj sugestoj ricevitaj responde al la diversaj alvokoj faritaj de s-ro Alonso Núñez (vidu, ekzemple, paĝon 15an de la 289a numero de "Boletín").

Grava trajto de tiu laborplano estas ke ĉiu homo, kiu kapablas kaj volas tion fari, ricevos difinitan taskon en la kunordigita reto muntota, jen kiel estrarano, jen kiel responsulo de iu fako, jen kiel konsilanto al la estraro, jen kiel reprezentanto de HEF en la koncerna Aŭtonoma Komunumo, ktp. ktp.

Tial, la dirita kandidataro kore invitas vin ĉiujn plu sendi sugestojn al s-ro Alonso Núñez ("Esperanto", Apartado 714, 15780-Santiago de Compostela), kaj ankaŭ, ke vi ĉiuj bone pripensu ĝis la Kongreso, kiel vi povos kunlabori en la taskoj de la nova estraro,

Krome: Dum la Kongreso estos speciala ĉambro en kiu konstante kaj dum la tuta kongres-daŭro oni studos kaj diskutos pri la menciita laborplano. Do, ni ĉiuj havos okazon adekvate poluri ĉion!

Memoru, ke ankoraŭ estas tempo, por ke aliaj kandidataroj prezentiĝu. Bonvolu informi pri tio nian Prezidanton!, (ĝis nun estas ricevita anonco pri la kandidataro prezidata de s-ro Alonso Núñez).

---

## 49a Hispana Kongreso de Esperanto. Bilbao 19/23 jul. 1989
## 2a Provizora Programo.

Laŭ tiu nova PROGRAMO la datoj de la Kongreso estis ŝanĝitaj al 19a /23a de julio. La Kongreso, do, komenciĝos merkredon la 19an de julio kaj finiĝos la dimanĉon 23an. La nova programo de la Kongreso, kompreneble, adaptiĝos al tiuj kvin tagoj de daŭro.

# 49-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

**Bilbao,** de la 19a ĝis la 23a de Julio 1989

# A L I Ĝ I L O   N-RO......

(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj ............................................................

Antaŭnomo, s-ro/ s-ino/ f-ino (1) ............................................

Aĝo (2) .................... Profesio (2) ..................................

Adreso ............................................................................

Urbo .................... Poŝtkodo .................... Provinco (3) ....................

Mi aliĝas al la 49-a Hispana Kongreso de Esperanto kaj sendas per poŝtmandato, ĉeko, aŭ banko (1) la jenan sumon:

| | | |
|---|---|---|
| Kiel kongreskotizon en kategorio | - | p-tojn |
| Kiel kongresdonacon | - | p-tojn |
| ENTUTE: | - | p-tojn |

Plenigu apartan aliĝilon por ĉiu familiano samtempe aliĝanta

(1) Forstreku la nevalidan.

(2) Nur por statistiko.

(3) Eksterlandanoj menciu la landon.

Por uzo de la administracio:

| Pago ricevita | Konfirmilo sendita | Loĝejo mendita |
|---|---|---|
| | | |

# KONGRESKOTIZOJ

| | | 31-12-88 | 31-3-89 | 30-6-89 |
|---|---|---|---|---|
| 1. | Kongresano | 2.200 | 2.700 | 3.200 |
| 2. | Kongresano (Membro de HEF) | 1.700 | 2.200 | 2.700 |
| 3. | Kunulo/ino (6) de kongresano | 1.500 | 1.800 | 2.100 |
| 4. | Juna membro de HEJS, (gis 30 jaroj) | 1.000 | 1.300 | 1.500 |
| 5. | Gejunuloj ne membroj de HEJS, emeritaj kongresanoj aŭ infanaj | 1.200 | 1.500 | 1.700 |
| 6. | Senlaboruloj (7) | 300 | 400 | 500 |
| 7. | Eksterlandanoj | Senpaga aliĝo | | |

Membro de HEF-HEJS n-ro......

Loĝejoj: Ni informos per HEF-BULTENO

**Rimarkigoj:**

1. Plenigu la aliĝilon kaj sendu ĝin al la kongresa sekretariejo: Grupo Esperantista de Bilbao -Barrenkale Barrena, 7-1º 48005 BILBAO.
2. Sendu la koncernan kotizon al la 49-a Hispana Kongreso de Esperanto, konto n-ro 20/218/754/0 Caja de Ahorros Vizcaína -Bilbao
3. La kotizo ne estos repagebla, eĉ se la aliĝinto ne partoprenas en la kongreso.
4. La aliĝilon oni pritraktos nur post ricevo de la koncerna pago.
5. Kongresanoj en kategorioj (2) kaj (4) devas sendi ateston de HEF pri la pago de la kotizo de 1988 aŭ 1989.
6. Kunulo: Tiu kiu loĝas samadrese kun aliĝinto.
7. La senlaboruloj sendu fotokopion de atestilo.
8. Se vi bezonas pliajn aliĝilojn, petu rekte de la kongresa sekretariejo.

## FORPASIS DON MIGUEL

La 2an de Decembro forpasis preskaŭ centjara Don Miguel Sancho Izquierdo, unu el la plej fidelaj kaj elstaraj homoj de la Hispana Esperanto-Movado. Honora Rektoro de la Zaragoza Universitato, katedra profesoro, dekano de la Fakultato pri Juro, Rektoro, deputito de la Hispana Parlamento, brila preleganto, homo centfoje honorigita per multenombraj diversaj titoloj, kiuj proklamis lian talenton. D-ro Sancho Izquierdo esperantistiĝis en 1908, kaj jam en tiu jaro partoprenis en la fondo de "Frateco" kiam li nur estis studento.

En 1909 li partoprenis en la Universala Kongreso okazinta en Barcelono kaj persone salutis d-ron Zamenhof. Elektita Sekretario de unu el la estraroj historie plej efikaj de "Frateco", kiun prezidis en 1912 Emilio Gastón Ugarte, ambaŭ kontribuis per siaj ekzemploj altiri al la Rondo generacion da idealistoj, kiuj alte prestiĝigis ĝin dum longaj jaroj...

Aktiva organizinto de la Dua Hispana E-Kongreso okazinta en Zaragozo en 1921, post kelkjara malproksimiĝo de la Movado, li viglis denove kun renovigitaj fortoj kaj en 1954, kiel Rektoro de la Zaragoza Universitato, li permesis okazigi la 15an Hispanan E-Kongreson en aŭloj de tiu oficiala Centro, tute senpage kaj kun lia speciala protekto, en politikaj cirkonstancoj tute nefavoraj por nia afero.

Kiel Direktoro de la Socia Lernejo de Zaragozo, li atingis oficialigi Esperanton en la Programo de la Lernejo, kun samaj rajtoj kiel la aliaj lingvoj.

En 1961 li okupis la prezidantecon de "Frateco" kaj ankaŭ saman respondecon en H.E.F. (1962-69), en kies posteno li organizis la Universalan Kongreson okazintan en Madrido en 1968. Dum tiu periodo federacia, li forte impulsis porpacajn kampanjojn: apogon al la klopodoj de Unuiĝintaj Nacioj dispeli internaciajn tensiojn per subskriboj de paĉaj mesaĝoj, Semajno de la Internacia Amikeco, disvastigo de la Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj, k.t.p. Neniu, krom li, sciis tiel en profundiĝi en tiun kampon pure esperantistecan de la Homaj Rajtoj.

Ĉiam, kiam "Frateco" bezonis preleganton aŭ helpanton por ia ajn projekto esperantista, ni trovis en Don Miguel, ne nur komprenemon, sed ankaŭ la efektivan helpon, kiun ni esperis de lia granda koro.

Kiel ĉiuj grandaj homoj, samideano Sancho Izquierdo montriĝis ĉiam afabla, bonkora kaj modesta... Ni ja neniam forgesos lin!

Ke li pace ripozu!

**Antonio Marco Botella**

# RAPORTO DE HISPANA ESPERANTO – FEDERACIO

**Periodo de la 1a de Julio ĝis la 30a de Junio 1989**

---

Tiu ĉi raporto celas informi pri la agado de HEF kaj ĝiaj aliĝintaj Esperanto-Asocioj kaj membraro tra la periodo de post la Kongreso en Valencio.

"BOLETIN". La oficiala organo de nia Federacio estas presata en "Gràfiques El Tinell" en Barcelono. Gvidas la Redaktadon s-ro Giordano Moya kaj kunlaboras kun li kompetenta redakcia Komitato.

"ALIĜINTAJ ASOCIOJ". Paŝon post paŝo fondiĝas novaj Esperanto-Asocioj kiuj aliĝas al nia Federacio. Nun entute estas pli ol 50 Esperanto-Asocioj. La lastaj estas: Esperanto-Fundación Fernando Soler kaj Esperanto-Grupo Antaŭen el Avilés. Tiel do nun estas federitaj: lokaj E-grupoj, Urbaj E-Asocioj, Provincaj E-Asocioj, Regionaj E-Asocioj kaj Hispanaj E-Asocioj, tiu diverseco estas tre utila por la strukturo de HEF.

"LIBRO–SERVO". Kiel ĉiujare tiu fako estis tre aktive, gvidate de Luis Hernández, ĝi atingis grandan sukceson en la vendado de E-libroj en la televida programo 3x4. Aparta financa bilanco aperas en la sekvanta paĝo.

"KONGRESOJ". En la periodo de tiu ĉi raporto okazis: la 48a Hispana Kongreso de Esperanto en Valencio, la 6a Andaluzia Esperanto-Kongreso, la 16a Valencia Renkontiĝo, la 41a Internacia Fervojista Esperanto-Kongreso en Salou kaj la 13a HEJS-Tendaro en Vitorio.

"JUNULARA SEKCIO–HEJS". De post la 48a H.K.E. en Valencio la posteno de HEJS-prezidanto vakas, ĉar en la ĝenerala Kunveno de HEF kandidato ne prezentiĝis. En aŭgusto, la HEF-estraro proponis al ĉiuj junulaj membroj proponon pri nova kandidato. El la tri kandidatoj proponitaj oni elektis kiel prezidanton s-ron Jordi Ferré el Barcelono. Li kune kun Alava E-Asocio organizis la 13an HEJS-Tendaron en Vitorio kaj reorganizis la delegitojn laŭ la statuto de HEF.

"FERVOJISTA SEKCIO–HEFA". Tiu sekcio regule organizas E-kursojn en sia sidejo kaj tre sukcese kunlaboris en la organizado de la 41a IFEF-Kongreso en Salou.

"OFICEJO EN MADRIDO". Kiel tradicie, oni organizis E-kursojn, paroladojn kaj konferencojn.

"SIDEJO EN BARCELONO". La estraro kunordigis la diversajn fakojn kaj sekciojn de la Federacio; ekspedis la oficialan organon "BOLETIN"; kunlaboris en la preparo de la 50a Hispana Kongreso de Esperanto en Sant Cugat del Vallés (1990) kaj respondis centojn kaj centojn da leteroj adresitaj al ni. Ĉiuj estraranoj kaj respondeculoj restas je via dispono.

| | |
|---|---|
| La Prezidanto | La Sekretario |
| **Salvador Aragay** | **Victor Ruiz** |

# FINANCA RAPORTO DE H.E.F. JARO 1988

| ELSPEZOJ | P-toj | P-toj |
|---|---|---|
| Presado de "Boletín" | 538.356 | |
| Afranko por "Boletín" | 9.700 | |
| Etikedoj (s-ro J. Miranda) | 5.696 | |
| Transportado "Boletín" | 1.100 | 554.852 |
| Lupago sidejo | | 84.000 |
| Rembursoj | | 35.500 |
| Poŝtmarkoj | 6.100 | |
| Fotokopioj | 1.280 | |
| Kovertoj, presado de kovertoj kaj leteroj | 44.400 | |
| Arkivilo | 790 | 52.570 |
| Subvencio Monumento en Sabadell | 10.000 | |
| Subvencio 12a HEJS-Tendaro en Monistrol | 15.000 | |
| Aliĝo al la 6a Andaluza Kongreso de Esperanto | 1.200 | |
| Kotizo HEJS jaro 1988 | 14.000 | |
| Subvencio Iñaki Gauna reprezentanto de TEJO | 15.000 | |
| Kotizo UEA | 50.700 | 105.900 |
| Fotokopiojn Valencia Kongreso | 2.800 | |
| Fotokopioj | 500 | |
| Bukedo da floroj | 2.000 | |
| Libroj | 2.400 | |
| Letero de ONU | 5.000 | 12.700 |
| Abono Heroldo de Esperanto | 1.500 | |
| Abono MONATO | 2.950 | |
| Abono MEM | 1.250 | 5.700 |
| Redakcio s-ro G. Moya | | 3.700 |
| Lotado | | 7.760 |
| ELSPEZOJ JARO 1988, entute | | 862.682 |
| PROFITO JARO 1988 | | 2.829 |
| | | 865.511 |

| ELSPEZOJ | P-toj | P-toj |
|---|---|---|
| Membrotizoj | 566.540 | |
| 3 kotizoj DM | 90.000 | 656.540 |
| Donacoj | | 29.700 |
| Profito kongreso de Madrido 47a H.K.E. | | 50.000 |
| Profito 48a H.K.E. en Valencio | | 54.298 |
| Profito disvendado de loterio | | 20.000 |
| Vortaro E. Tudela | | 36.000 |
| Donaco | | 5.658 |
| Anonco "El Popola Ĉinio" | | 5.000 |
| Profito jaro 1987 | | 8.315 |
| TUTA ENSPEZO | | 865.511 |

**LIBRO–SERVO DE HISPANA ESPERANTO–FEDERACIO**
**Bilanco de enspezoj kaj elspezoj dum 1988**

| | P-toj | P-toj |
|---|---|---|
| Antaŭa saldo | | 81.094 |
| Vendado de libroj | 959.590 | |
| Interezoj konto Poŝta Kaso | 19 | |
| Aliaj enspezoj | 180 | |
| Jarenspezoj | | 959.789 |
| Ĝenerala enspezoj | | 1.040.883 |

| | | |
|---|---|---|
| Aĉetado de libroj | 798.859 | |
| Poŝto (poŝtmarkoj, presaĵoj O.I.C., k.t.p.) | 53.024 | |
| Transporto de libroj | 30.973 | |
| Oficeja materialo | 14.132 | |
| Bankaj elspezoj | 11.593 | |
| Partopago por hispanlingva informilo | 60.000 | |
| Doganaj elspezoj | 4.126 | |
| Procentaĵo al L.K.K. Valencio por vendado de libroj | 10.604 | |
| Jarelspezoj | | 983.311 |
| Saldo nova konto | | 57.572 |
| Ĝeneralaj elspezoj | | 1.040.883 |

**VALLADOLID, 31-an decembro 1988**
**LA LIBRO–SERVANTO**

**HEF–PREZIDANTO**
**Salvador Aragay**

**Respondeculo**
**Luis Hernández**

## HISPANA ESPERANTO – FEDERACIO
## ALVOKO AL LA ĜENERALA KUNVENO

Laŭ la artikolo 25a de nia STATUTO, oni kunvokas al la Ĝenerala Kunveno de Hispana Esperanto-Federacio, ene de la 49a Hispana Kongreso de Esperanto en Bilbao, la 22an de julio je la 12a horo, en la salono de la kongresejo.

**FACULTAD DE CIENCIAS ECONOMICAS Y EMPRESARIALES**
Avenida del Ejército 83
48014 – BILBAO

**TAGORDO**

1a. Legado kaj aprobo de la akto de la antaŭa Ĝenerala Kunveno
2a. Legado kaj aprobo de la sekretaria raporto.
3a. Legado kaj aprobo de la financaj raportoj.
4a. Proponoj pri urboj por la estontaj hispanaj kongresoj, (1991).
5a. Elekto de nova HEF-estraro.
6a. Demandoj, sugestoj kaj proponoj.

**La HEF-Sekretario**
**Víctor Ruiz**

## ANDALUZIA ESPERANTO – UNUIĜO (A. E. U.)

Ni sciigas vin pri jena Kongreso organizata de nia Asocio:
**NOMO:** 7a Andaluzia Kongreso de Esperanto
**LOKO:** TORROX (Malago) —Hispanio—
**DATO:** 12a, 13a, 14a kaj 15a de oktobro 1989
**ORGANIZAS:** Andaluzia Esperanto—Unuiĝo
— Eksterlandanoj aliĝas senpage
— Kongresejo kaj Restadejo en tre bela loko apud plaĝo
Petu informojn kaj aliĝilojn:

Andaluzia Esperanto—Unuiĝo
Avenida El Faro
Edificio Esperanto 7° D
29793 TORROX COSTA (Málaga)
**Hispanio**

## "FUNDACION ESPERANTO"
## INTERNACIA LITERATURA KONKURSO

La Patronaro de "Fundación ESPERANTO" dum kunsido okazinta la 5an de marto de 1989, decidis organizi Internacian Literaturan Konkurson en Esperanto.

Estos premio kaj subpremio.

### PREMIO

**"Juan Miguel Piquero"**

Premio, 10.000 pesetoj kun konfirma diplomo.
Subpremio, 5.000 pesetoj kun konfirma diplomo.

Oni aljuĝos la premiojn al la du plej bonaj infanaj rakontoj originalaj aŭ tradukitaj, verkitaj en facila lingvo, por ekinstrui Esperanton, al infanoj havantaj la aĝon de sep ĝis dek jaroj. La rakontoj povas esti ilustritaj aŭ nur literaturaj. Pro ĝia ebla eldonado la ilustraĵoj devos esti originalaj.

### REGULARO

1) Ĉiu konkursaĵo ampleksu 2 — 3 foliojn (paĝojn).
2) Ĉiu konkursanto sendu kvin ekzemplerojn de la konkursaĵo tajtpitajn laŭ duoblaj interlinioj, kun la indiko: Por la Konkurso de "Fundación ESPERANTO".
3) La konkursaĵoj estu subskribitaj per pseŭdonimo por kaŝi la identecon de la Konkursanto, kaj en aparta fermita koverto, surhavanta la identigan pseŭdonimon, estu slipo kun la nomo kaj adreso de la konkursanto.
4) Kiam publikiĝos la Verdikto, publikiĝos samtempe la nomoj de la juĝintoj.
5) La datlimo (laŭ la poŝtstampo) por sendi la konkursaĵojn estas la 30a de septembro de 1989.
   La Verdikto publikiĝos en la Tago de Zamenhof, la 15an de decembro 1989.
6) Oni sendu la tekstojn al Inés Gastón, P° de la Constitución, 35 4° E-50001 ZARAGOZA Hispanujo.

Zaragoza la 5an de marto de 1989

**Inés Gastón**
**Sekretariino de la**
**"Fundación ESPERANTO" kaj de la Konkurso**

## H E F – SIDEJO EN BARCELONO

**NOVAJ MEMBROJ:** Alfonso Becerra, José Luis Pérez, Esteban Denedi, Miguel Fernández, Emilio Folgado, Juan Narvaez, Ismael Martínez, Elvira Alvarez, Sabino Pelegrín, Placida Sotillo, Teresa Carbó, Josep Comas kaj Fernando Moral.

**NOVA ESPERANTO–ASOCIO ALIĜINTA:** Esperanto-GRUPO ANTAŬEN el Avilés.

**REMBURSOJ:** Kiel tradicie la numero de "Boletin" de post la 49a Hispana Kongreso estos sendata remburse al tiuj membroj, kiuj ne efektivigis la pagon de la nuna jara HEF-kotizo. Por faciligi la taskon de la nuna kaj de la elektota nova estraro ni restos tre dankemaj se okaze de la kongreso en Bilbao, la membroj pagos la kotizojn.

**ESTRARA KUNVENO:** La pasintan 1an de Marto okazis en la sidejo de "Ateneu Santcugatenc", kunveno de la HEF-estraro kaj delegitoj de la E-asocioj. Entute ĉeestis pli ol 20 reprezentantoj kaj estraranoj kiuj aprobis la jenajn punktojn:

1a. Ŝanĝo en la programo de la 49a Hispana Kongreso de Esperanto en Bilbao: Malfermo la 19an, matene. Ĝenerala Kunveno la 22an (matene kaj vespere). Ekskurso al Gerniko la tagon 23an.

2a. Buĝeto kaj provizora programo de la 50a Hispana Esperanto-Kongreso en Sant Cugat del Vallés, Katalunio.

3a. Danki la reprezentantojn kiuj kunvenas en Madrido por la prezentado de nova HEF-estraro.

4a Elektado de s-roj Luis Hernández kaj S. Aragay kiel Komitatanojn en Universala Esperanto-Asocio por la nova periodo.

5a HEF rekomendos la verkon "Curso de Esperanto por Correspondencia" eldonitan de Kultura Asocio Esperantista (KAE).

## I N T E R N A C I E

INTERNACIA FERIA ALTLERNEJO DE KULTURA CENTRO ESPERANTISTA. La Chaux-de-Fonds (Svislando) aranĝis programon, marto 1988 – marto 1989, el multnombraj aktivaĵoj. Esperanto-staĝoj por komencantoj kaj progresantoj, studaj semajnofinoj, pedagogia seminario semajnofina. Dum 04–05 marto 1989 okazos Svisa Esperanto-Kongreso en Ĝenevo kun kultura programo kaj festos la centjaran jubileon de la naskiĝo de Edmond Privat. Petu detalan informilon al Svisa Esperanto-Societo. SES Zumhofstrasse 22. CH 6010 KRIENS. Svislando.

# HEJS

Poŝtkesto 23484 – E – 08080 Barcelona
Junulara Sekcio de HEF kaj Landa Sekcio de TEJO



**Gekantantoj el Navarro dum La Baska Festo**

## HEJS – TENDARO EN ALAVA

Dum la lasta Pasko oni povis ĉeesti al la plej bonorganizita HEJS-Tendaro; la L.K.K. de Alava Esperanto-Asocio, kaj precipe Naĉo, Iñaki kaj Rafa, kiuj estis videblaj kapoj, organizis tre sukcesan kunvenon, per malmultaj monrimedoj.

Ĉeestis pli malpli 64 gejunuloj, el ili 6 eksterlandanoj el Germanio, Italio kaj Anglio.

El la diversaj aranĝoj meritas esti menciitaj: la oficiala malfermo, la olimpikaj ludoj, la kurso de Esperanto, basklingvo, baskdanco, grafologio, mistera gasteiza nokto, kaj la HEJS-Kunveno.

En tiu lasta aranĝo, la HEJS-Kunveno, ĉeestis malmultaj membroj, pro tio la ĉeestantoj ne faris rezolucion, atendante la Kongreson en Bilbao.

Ĝis la proksima Paska Renkontiĝo. Ĝis revido en Bilbao.

**HEJS-Prezidanto**
**Jordi Ferré**



Hodiaŭ okupas ĉi tiun rubrikon distinginda, tre konata samideano, kiu ekde sia esperantistiĝo daŭre aktivis-as diversloke, precipe en Madrido kaj Valencio, en kiu lasta urbo li nun loĝas kun sia familio. Temas pri s-ano Aŭgusto Casquero de la Cruz.

En respondo al niaj demandoj, li detale klarigas interesajn facetojn lastatempe okazintajn en la Esperanto-Movado nialanda. Jen lia intervjuo:

KIAM, KIAL, KIEL KAJ KIE VI ESTIS VARBITA POR ESPERANTO?

Mi komencis lerni Esperanton en la jaro 1971, en Valencio, kie mi tiam loĝis. Mi legis anoncon en ĵurnalo pri senpagaj kursoj de Esperanto, kaj kvankam mi malmulte sciis pri ĝi, mi opinias, ke Esperanto estis destinita fariĝi Internacia Lingvo, kaj ke iel ĝi rilatis kun paco, amikeco ktp, kaj mi unue por vidi kio ĝi vere estis, aliĝis. Miaj instruantoj en la Grupo de Esperanto de Valencio estis sinjoroj Martí kaj Rafael Herrero, kiuj ne nur lernigis al mi Esperanton, sed ili estis por mi bonega ekzemplo kiel devas esti modela kaj idealisma persono.

ESTUS INTERESE, SE VI IOM RAKONTUS PRI VIA ESPERANTISTA AKTIVADO EN LA DIVERSAJ URBOJ, EN KIUJ VI REZIDIS. ĈU VI KONSENTAS?

Bone, mia aktivado por Esperanto estas, se ne kontentiga, almenaŭ ampleksa. En Valencio, tuj post la komenco de mia lernado de Esperanto, en 1971, mi organizis kurseton en la kvartalo Benimaclet, kun 25 gelernantoj,

preskaŭ ĉiuj personaj amikoj. En la sama jaro mi partoprenis mian unuan Hispanan Kongreson en Alikanto, kie mi samtempe fariĝis HEJS-ano kaj ĝia delegito en mia loĝurbo. Poste mi translokiĝis al Madrido kaj al Melilla, kie mi instruis Esperanton al aro da kolegoj. En la fino de la sama jaro, mi vojaĝis al USONO, kie mi restis dum unu jaro. Je la reveno mi veturis al Jugoslavio por ĉeesti miajn unuajn Internaciajn Kongresojn, en Sarajevo la TEJO-an, kaj en Belgrado tiun de UEA. Denove en Madrido, mi fariĝis membro de Madrida Esperanto-Liceo, en la jaro 1973, kie mi vere komencis mian Esperantan vivon. Tie mi instruis Esperanton ĝis la jaro 1987, kiam mi forlasis Madridon por loĝi en Valencio. Dum mia longa restado en la menciita Liceo, mi povus citi, kiel plej gravajn aferojn, la partoprenon en 12 Naciaj Kongresoj, 4 Kongresoj de TEJO, 4 Kongresoj de UEA, 1 Kongreso de Francujo, 1 de SAT en Lectour (Francujo), 7 Tendaroj de HEJS, 1 Esperanto-kurso en Bydgoszcz (Pollando), kelkaj renkontiĝoj de la Valencia Komunumo, 1 Kataluna (Vilanova i La Geltrú) ktp.

Kiel organizanto mi povas paroli pri tri naciaj kongresoj: Madrido 1980, kiel Prezidanto de MEL; Madrido 1987, kiel Prezidanto de LKK; kaj Valencio 1988, kiel Prezidanto de LKK. Ni atingis, ke Lia Moŝto la Reĝo Juan Carlos akceptis la Honoran Prezidantecon de la Nacia Kongreso en Madrido en 1987, kaj tiujn de la Internacia Sporta Simpozio en 1982, ankaŭ organizitajn de MEL, kaj de Ŝia Moŝto la Reĝino Sofia por la Nacia Kongreso en Madrido en 1980. Ni ankaŭ organizis la 3-an Tendaron de HEJS en Madrido. Por la Kongreso de Valencio en 1988, inter aliaj, ni atingis salutleterojn de la Ĝenerala Sekretario de ONU, s-ro Pérez de Cuellar, kaj de la Papo Johano Paŭlo la dua. Dum mia prezidanteco en Madrida Esperanto-Liceo, 7 jarojn ni organizis ankaŭ amason da renkontiĝoj inter grupoj kun Valladolido, Zaragozo, Valencio, Bilbao, Alikanto kaj aliaj, kaj tendarojn. Dum tiu tempo mi havis la okazon partopreni 7 televid-programojn, kun geĵurnalistoj kiel Mari Cruz Soriano, Joakimo Arozamena, Jesuo Hermida kaj aliaj. Ankaŭ en radio mi prenis parton en multaj radio-elsendoj, 50 el ili naciaj, kaj en kelkaj aliaj lokaj kaj regionaj. Mi prelegis pri Esperanto en la Universitato Complutense (trifoje), en la Lernejo por Instruistoj de Madrido, en Klubo de Amikoj de UNESCO, en Instituto Cervantes de Madrido, en Alcorcón, Valencio ktp. Grava kaj emocia afero por mi estis atingi, ke la Urbodomo de Madrido donis la nomon "Idioma Esperanto" al nova strato de tiu urbo. Dum tiu epoko ankaŭ ni kuraĝis fari filmon, ege modernan kaj strangan, sub la reĝisorado de s-ro Jaudenes, tute en Esperanto, kaj en kiu ĉiuj roluloj estis Liceo-anoj; ĝia titolo estas "Lerelo". De la Ministerio pri Kulturo ni atingis entute la eldonon de tri broŝuroj en Esperanto: "Hispanio" (1980); "Madrido" (1980) kaj "Madrido kaj ĉirkaŭaĵoj" (1987). En la

jaro 1974, kun la helpo de aliaj Liceo-anoj, ni komencis reeldoni la ĝis tiam malaperintan bultenon de la Liceo "Nia Voĉo". Tiucele ni ricevis, du jarojn poste, 150.000 pesetojn de la Ministerio por subvencii la aĉeton de multobligilo, kio estis la komenco de sukcesa monhelpo donace ricevita de diversaj publikaj instancoj. Post la malapero de HEJS, ni organizis en MEL kunvenon kun kelkaj aktivaj HEJS-anoj de la tuta lando, por revivigi tiun asocion, kaj tiucele ni kreis la bultenon JUNECO, por ke ĝi estu kontaktilo inter la esperantistaj gejunuloj, kaj anstataŭu la tiam ne plu eldonatan bultenon de HEJS. Kiam MEL oferis kandidatiĝi por la prezidanteco de HEJS, kun la nova Prezidanto Miguel Angel Sancho, JUNECO transformiĝis en HEJS-JUNECO-n.

En la literatura kampo mi verkis diversajn eseojn pri Esperanto, plejgrandparte por prezenti ilin en la Universitato dum mia studado, kun la titoloj: "Democracia lingüística: un valor social"; "La OTAN, el problema lingüístico internacional y el Esperanto", publikigita en militista revuo; "Inteligibilidad del lenguaje: ventajas de algunos idiomas"; "Modelo educativo: Curso trimestral de Esperanto"; "El problema lingüístico internacional en la sociedad moderna: El Esperanto, un intento de solución". En la traduka branĉo mi povas mencii la rakontojn de Gustavo Adolfo Becquer: "La rozo de pasio", premiita de la Internacia Literatura Konkurso de MEL en la traduka branĉo, kaj "La radio de lumo". Mi ankaŭ ricevis premion en la konkurso de Redaktado de ILEI, en 1981. Dum mia prezidanteco en Madrida Esperanto-Liceo ni organizis kvar "Internaciajn Literaturajn Konkursoj-n" en la branĉoj: "Tradukita Prozo", "Tradukita Poezio", "Originala Prozo", "Originala Poezio" kaj "Eseo", inter kies gajnintoj troviĝis konataj esperantistoj kiel Bernard Golden, Zora Heide k.a. Ankaŭ estas menciinda la eldonado de gravaj verkoj kaj broŝuroj en Esperanto, kio estis ebla danke al la sukcesaj demarŝoj de samideanoj Gian Carlo Fighiera, Juan Carlos Ruiz kaj mi mem ĉe diversaj institucioj nialandaj. Inter la libroj kaj broŝuroj lastatempe publikigitaj elstaras la jenaj: "Internacia Sporta Simpozio: Raportoj kaj kvarlingva terminaro", subvenciita de la "Consejo Superior de Deportes"; "Sentempa Sinfonio", en la traduko de Fernando de Diego, kun subvencio asignita de UNESCO; "Sanga Nupto" kaj "La Domo de Bernarda Alba", de García Lorca, en mirinda traduko de Miguel Fernández, verkoj subvenciitaj de la Ministerio pri Kulturo per 500.000 pesetoj; "Datos acerca del movimiento esperantista 1887—1987", redaktita de Juan Carlos Ruiz kaj Gian Carlo Fighiera, subvencie de "Caja Madrid"; "Poeto de l'Popolo", de Miguel Hernández, kompetente tradukita de Miguel Fernández, por kiu poezia verko, eldonita okaze de la pasintjara 48a Hispana Kongreso de Esperanto, oni ankaŭ ricevis monhelpon de la institucio "Conselleria d'Educació i Ciència de València".

Mi konatiĝis kun mia edzino Alicia dum festo en Madrida Esperanto-Liceo, en la jaro 1974. Ŝi estas filino de samideano Arquimedes Ballester, malnova esperantisto, tiama Prezidanto de MEL. Ŝi apartenas, do, al antikva esperantista familio, ĉar ankaŭ la avo estis esperantisto, kaj eĉ la onklo-avo. Tiu lasta nomiĝis Caplliure Ballester, iama Prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio, kaj verkinto de tre konata lerno-libro de Esperanto. Mia edzino ege multe laboris por Esperanto. Ŝi estis dum multaj jaroj sekretariino de MEL, sed vere ŝi prenis sur sin plurajn diversajn taskojn; ŝi ne nur zorgis pri la sekretariejo, la kaso, la purigado, gluado de afiŝoj surstrate, sed ankaŭ kudris la novan flagon de MEL kaj kantis en la ĥoro. Ŝi aktive partoprenis ĉiun aktivaĵon organizitan de MEL, eble unu el la plej viglaj kaj gajaj grupoj en la mondo. Inter la tieaj gesamideanoj oni ne povas forgesi la kompetentan aktivadon de Juan Carlos Ruiz, Pedro Vilarroig (Direktoro de la ĥoro "Verda Stelo), Maribel Alonso, Mamen Dávila, Miguel Fernández, Paco Jiménez, Lupe Sanz, Ana Montesinos, Miguel Angel Sancho, Jorge Camacho, Pedro Garrote, Denis Keefe kaj aliaj ne tiel junaj, kiel Gian Carlo Fighiera, Ada Sikorska, José Francisco Platas k.a., kiuj sukcesis varbi en unu solan kurson de Esperanto eble rekordan nombron en la tuta mondo: 350 aliĝintojn, kiuj devis esti disigitaj en 20 grupojn, kio estis ebla, ĉar tiutempe ni povis simultane kalkuli je 20 geinstruantoj, kaj krome ni havis grandegan ejon (250 m. 2).

Nuntempe ni loĝas en Valencio, kie post la okazigo de la 48a Hispana Kongreso de Esperanto, ni pretas labori por la organizado de la Universala Kongreso de Esperanto, okazonta en la jaro 1993, por kiu mi esperas povi prezenti mian doktorigan tezon, kun la titolo "Propedeŭtika valoro de Esperanto por la lernado de dua lingvo".

EN VIA ESPERANTISTA VIVO CERTE OKAZIS IU KURIOZA ANEKDOTO, ĈU VI BONVOLAS PRISKRIBI ĜIN?

Jes, volonte mi priskribas ĝin: Vojaĝante mia edzino kaj mi al Pollando por partopreni studentan internacian esperantistan tendaron, en la urbo BYDGOSZC, du radoj de nia aŭtomobilo difektiĝis (unu el ili eĉ eksplodis). Sen rado de rezervo kaj kun unu el ili tro eluzita, ni komencis serĉi lokon, kie aĉeti ilin, ĉar sen ili ni ne povus daŭrigi nian vojaĝon, kaj eble ni devus forlasi la aŭtomobilon en Pollando. Rapide la polaj esperantistoj komencis helpi nin, telefonis al diversaj urboj por trovi tiujn tie malfacile haveblajn radojn. Finfine oni sciiĝis, ke nur en la urbo Varsovio ili estis akireblaj, sed per granda "influo". Du esperantistoj petis du liberajn tagojn en siaj laborejoj (tagojn, kiujn ili perdis de siaj someraj libertempoj), kaj akompanis nin al Varsovio, faris ĉiujn demarŝojn, diskutadis, bataladis kun la direktoro ĉefo (kion ni ne povus fari pro nekono de la lingvo) kaj finfine ili atingis por

ni la radojn, kiuj permesis al ni reveturi al Hispanujo. Tio estis por ni bonega ekzemplo, ke en Esperantujo vere ekzistas la "Interna Ideo", kiu ebligas, ke esperantistoj ne nur parolas en la sama lingvo, sed ankaŭ ke en la centro de iliaj koroj estas io, kio pelas helpi aliajn homojn.

POR FINI, BONVOLU SCIIGI, KIAN MESAĜON VI TRANSDONUS AL LA ESPERANTISTARO NIALANDA, POR KE ESPERANTO RESTU POZITIVE ENRADIKIGITA EN HISPANUJO?

Estas ĝenerala kutimo de la hispanaj esperantistoj havi amason da geniaj ideoj, kiuj kompreneble devas esti plenumataj de aliaj, kaj ankaŭ estas kutimo plendi pro la "krizo" de la Movado aŭ de la loka Esperanto-grupo. Laŭ mia persona opinio, en la Movado ne estas bezonataj "geniuloj", sed vere laboremaj kaj abnegaciaj personoj. Kaj neniam estas krizo de asocio, sed manko de entuziasmo. Do, forgesu la geniaĵojn kaj la krizojn, kaj helpu laŭ la ebleco, ĉar, kiel Zamenhof diris: "Eĉ guto malgranda, konstante frapante, traboras la monton granitan". En nia lando ni havos la Movadon, kiun ni meritos pro nia entuziasmo kaj konstante laboro.

Intervjuis: **VELUS**

---

**SANTA COLOMA DE GRAMENET**

En la monato aŭgusto vizitis la urbojn Santa Coloma de Gramenet kaj Barcelona niaj geamikoj s-ro Max Lainé kaj lia edzino.

Plaĉis multe al ili ambaŭ urboj kaj ĉefe la kora akcepto kaj la amika etoso de la renkontiĝo kun hispanaj geesperantistoj de Santa Coloma de Gramenet.

**MURCIA**

La universitata Esperantista Grupo "Piedra de Rosetta" de Murcio, asocio oficiale agnoskita de la Delegacio de la Nacia Estraro kaj de la propra Akademia Institucio, organizas de la 19a de januaro ĝis proksimume Sankta Semajno, elementan kurson por geuniversitatanoj de Murcia. Ĝi povis komenci danke al la mona helpo de la Universitato, kio, kvankam ne troa (entute 25.000 pesetoj), donis al Esperanto grandan prestiĝon interne de la Altnivela Akademio.

Tre bone gvidis, kaj ankaŭ nun faras la klason Antonio López profesoro de la Universitata Lernejo de Praktika Ĵuro.

---

**BRAZILO**

De la 1a ĝis la 5a de oktobro de la nuna jaro okazos en la ĉefurbo Brazilio, sub la aŭspicioj de Brazila Spiritisma Federacio, INTERNACIA **SPIRITISMA** KONGRESO, kiu certe kunvenigos en Brazilo multajn diverslingvajn kongresanojn. Informojn: Brazila Spiritisma Federacio. Av. Passos, 30. Centro. 20051 Rio de Janeiro (RJ) Brazilo.

JAUME ARAGAY i PUJOLS, patro de nia prezidanto de HEF, forpasis la 3an de marto, okdektrijara, kaj estis enterigita en la urbo Monistrol de Montserrat.

Eltirita el "Analoj de la esperanta movado en Hispanujo" de A. Marco Botella, jen lia skiza biografio:

"Instruisto, li esperantistiĝis en 1925, kaj en 1933 organizis Esperanto-Fakon en la Kultura Centro de Castellar del Vallès (Barcelono). Li speciale aktivis en la instruado de Esperanto, sed ankaŭ atentinde agis verkante artikolojn en Esperanto kaj en la Kastilia kaj Kalatuna lingvoj por propagandi la aferon per diversaj ĵurnaloj, precipe en "Diario de Barcelona".

En 1961 oni elektis lin Prezidanto de Instituto de Esperanto en Barcelono, kaj sub lia iniciato oni inaŭguris straton "Dr. Zamenhof" en la kataluna ĉefurbo. Dank' al lia strebado oni prezentis en la salono "Villaespesa" la faman verkon de Angel Guimerà "Terra Baixa" (Malsupra Tero). En 1963, okaze de la 24a Hispana Kongreso de Esperanto, li gvidis specialan Esperanto-kurson en la "Schola Cantorum" de la Barcelona Universitato, kies celo estis eldoni diskon de kanzonoj en Esperanto.

Regule li rolis kiel ekzamenanto en la hispanaj kongresoj, kaj estis dum 40 jaroj FD de UEA pri instruado. Dank' al lia strebado en tiu fako en kulturaj katalunaj rondoj, nova generacio de instruantoj firmigis la Movadon en tiuj Centroj. Li estis Vicsekretario de HEF."

---

Nia samideano Enrique Arnau Prosper, grava esperantisto-aktivulo el Cheste, forpasis la 15an de januaro. Nian koran kondolencon al lia familio.

---

**MURCIA**

Pro la klopodado de s-ro José Pérez Ovillo el Murcio, la radio-ĉeno COPE dediĉis al Esperanto 55 minutojn de sia programo en la plej aŭskultata horo en la dato 8-3-89.

Partoprenis en la programo s-roj Aragay, Antono Alonso, d-ro Pérez Arranz, d-ino Rafaela Urueña kaj s-ro Gastôn.

Lingvistikisto, kiu ne sciis Esperanton, kritikis ĝin laŭ ordinaraj deflankigaj argumentoj, kaj tiel same kondutis la reprezentanto de la blindula asocio ONCE. Tamen, sukcesa radia elsendado.

Skribu al COPE kiel aŭdantoj, gratulante la radio-ĉenon kaj petante alian Esperanto-programon.

## NEPRE NI "NUEZU"!

Jam en la unua tempo de Esperanto aŭdiĝis pluraj voĉoj de prestiĝaj esperantistoj, inter ili tiu de D-ro Zamenhof, kiuj daŭre admonis la samideanaron pro ilia interparolemo nacilingva en esperantistaj medioj, kion poste eĉ PIV devis registri sub la negativa neologismo "krokodili".

Ni ja konscias, ke ĉiu Esperanto-Klubo havas kaj konsiderindan nombron da "simpatiantoj" kaj eble ankaŭ grupeton da "eternaj lernantoj", kiujn oni kompreneble devas laŭeble kontentigi per oportunaj tradukoj nacilingvaj, se la koncerna klubo periode eldonas propran bultenon aŭ ian ajn cirkuleron en la Internacia Lingvo. Sed estus evidenta malkongruo, se Klubo de Esperanto, kaj specife ĝiaj anoj, ekskluzive uzas nacian lingvon por siaj interrilatoj, kiel same parodokse fariĝus, se ekzemple Klubo de Futbalo kaj ĝiaj membroj nur praktikus... tenison!.

Tio memorigas al ni, ke en kunveno de Esperanto-Kongreso, okazinta la jaron 1954-an en Zaragozo, iu cetere distinginda samideano petis al bedaŭrinde jam mortinta D-ro Rafaelo Herrero, tiutempe aŭtoritata HEF-respondeculo, la parolrajton nacilingve repliki Esperantlingvan tezon prezentitan de elstara aktivulo nialanda. D-ro Herrero kategorie malakceptis la menciitan peton, decide argumentante, ke per tio ni ja pravigus la aserton de iuj influaj skeptikuloj, ke la esperantistoj fervore propagandas Esperanton, sed ili suspektige preferas uzi nacian lingvon en siaj konversacioj kaj kunvenoj.

Tiurilate, firma kontraŭstaranto de ĉia ajn krokodilado estis nia karmemora kompetentulo s-ano Petro Nuez, kiu dum sia vivo ĉiam insiste strebadis por la ekskluziva uzado de Esperanto inter ĝiaj adeptoj. Plej gravan omaĝon al lia imitinda agado oni ja farus, se de nun ĉiu konscia esperantisto decidus anstataŭigi sian negativan krokodiladon per fakte pli pozitiva "nuezado". Ke el lia memorata nomo NUEZ fariĝu la logika verbo "nuezi" ( = agi kiel Nuez) sincere deziras kiu estis lia amiko.

VELUS
(El KAE-Informilo)

## KAPABLIGU VIN SERIOZE!

Validaj diplomoj en Hispanio estas nur tiuj liveritaj de HEF kaj ILEI. Ankaŭ estonte, kaj oficiale, ununuraj diplomoj validaj en Hispanio estos tiuj liverataj de Hef kaj ILEI. Ili disponas Elementan, Mezan kaj Superan Kursojn por vi. Peru pliajn infornojn turnante vin al: ILEI, Poŝtkesto 832, E-41080 SEVILLA.

## LA PLEJ BONA ARMILO POR ESPERANTO

Jam pli ol mil hispan-lingvaj lernantoj de Esperanto, en Hispanio kaj Latin-Ameriko, lernis Esperanton en la lastaj jaroj pere de la 200-paĝa lerno- kaj leĝo-libro "Nuevo método de Esperanto". Kial tiu ĉi verko fariĝis la plej uzata en la hispan-lingva mondo? Simple, ĉar ne ekzistas alia verko samnivela kaj same riĉa je praktikaj informoj pri Esperanto. Jen kelkaj ecoj de "Nuevo método".

Unue: **ĝia pedagogia valoro** Ĝi ne estas verko de amatoro, sed de docento, membro de la Akademio de Esperanto kaj fama verkisto, nome de Fernando de Diego, la tradukinto de "Don Kiĥoto" kaj de aliaj ĉef-verkoj.

La lecionoj baziĝas sur la moderna struktura metodo de aliaj nuntempaj metodologioj. Alivorte, la lernanto ne lernas unue gramatikajn regulojn, sed alvenas al ili induktive per analizo de praktikaj modelaj frazoj kaj esprimoj, kiuj troviĝas en laŭŝtupaj legaĵoj. Laŭ la supra vojo, la studantoj rapide lernas konstrui proprajn frazojn en Esperanto, nome ili lernas ankaŭ paroli kaj skribi en Esperanto.

Due: **ĝia praktika valoro.** La verko prezentas gramatikan resumon ekzercojn kun fina ŝlosilo (kio estas grava por mem-lernantoj), vortareton, kurantajn esprimojn kaj popol-dirojn. Krome, la verko informas pri la Esperanto-metriko, "falsaj amikoj" (samaj vortoj en la hispana kaj en Esperanto, sed kun malsama signifo), konsilas verkojn por plue studi la lingvon kaj listigas bazan Esperantan literaturon. Du tekstoj enkondukas la leganton en la uzon de Esperanto en tekniko (aŭtomobilismo) kaj scienco (kemio).

Trie: **ĝia informa valoro.** La pritemita verko de de Diego prezentas donitaĵojn pri la praktika uzado de Esperanto en diversaj kampoj de la moderna vivo kaj pri la tutmonda Esperanto-movado: tre utila estas la adresaro de la naciaj Esperanto-asocioj en Hispanio kaj Ibera Ameriko, kaj de la lokaj Esperanto-centroj en 28 hispanaj urboj.

Kompreneble, la lernolibro supozas, ke la studanto konas la bazajn gramatikajn nociojn. Se li ne konas ilin, estas tasko de la kurs-gvidando, ne de la lernolibro, unue instrui la diritajn nociojn.

La verko de de Diego, aĉetebla ĉe la libro-servo de HEF, estas konsiderata la plej moderna kaj la plej bona armilo por instrui Esperanton al mez-kleraj personoj, al intelektuloj kaj al memlernantoj.

**G.C.F.**



# El Presidente

del

## Patronato Cultural "Federico García Lorca"

# Saluda

A HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

y tiene el gusto de invitarle a la conferencia "La Traducción al Esperanto de las obras de Federico García Lorca" que será pronunciada por D. Miguel Fernández, en la Casa-Museo Federico García Lorca de Fuentevaqueros, el sábado 15 de abril de 1989 a las cinco de la tarde.

En el transcurso del acto la "Asociación Andaluza de Esperanto" hará entrega a la Casa-Museo de diversas traducciones de libros del poeta.

José Olea Varón

aprovecha esta ocasión para hacerle presente el testimonio de su consideración más distinguida.

Granada, de de 19